# KATOLIKA MONDO

9a Kolekto
No. 10

Monata Aldono:
La Juna Batalanto

Fondita
1921

Esperanto-Organo de
Internacio Katolika

Ĉefredaktoro
Pastro D-ro Joseph Dieninghoff,
religia profesoro en Apostola Gimnazio, en Köln
KUNREDAKTOROJ: Prof. Carolfi, OFM, Italujo; Kaspar Mayr, Anglujo; Prelato A. Dombrowski, Litovujo; Pastro Makara, Polujo; Prof. P. Muffang, Francujo; W. Solzbacher, Germanujo; Pastro Johano Kozma, Hungarujo.

Adreso por ĉiaj sendajoj: K. M., Köln-Lindenthal




Aperas duonmonate
15A JULIO 1928

ABONO: egalvaloro de 1,80 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la ĉefadministracio aŭ ĉe la poŝtoficejo.
REKLAMO: Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,— sv. fr. — Anoncetoj po enpreso (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).
POŜTĈEKAJ KONTOJ: Beograd 68009. - Bruxelles 185734 - Budapest 59169 - 'sGravenhage 125537. - Köln 76105 - Paris 80061. - Praha 77396 - Roma 1/2600. - Warszawa 190972. - Wien 162473.

## Ĉu koncentrigo de la Katolika Esperanto-Movado estas ebla?

Grava demando, kiun vi adresas al mi. Jen mia respondo : Laŭ mia opinio **ĝi ne nur estas ebla,** sed dezirata de la granda plimulto de la katolika Esperantistaro. Mi certe rajtas diri, ke 95 % de la katolikaj Esperantistoj korege deziras ĝin. Do, se la reunuiĝo de la katolikaj Esperanto-fortoj — dezirata kaj viva en la koroj de la samideanaro — estus **neebla,** certe nur la kelkaj gvidantoj, kiuj aŭ pro persona rivaleco aŭ pro vana obstineco ne povas reunuiĝi sur komuna bazo, estus respondecaj pri la daŭrigo de la bedaŭrinda disiĝo. Ĉu la gvidantoj fakte volas preni sur sin tian respondecon antaŭ Dio, antaŭ la katolikaro, antaŭ la tutmonda Esperantistaro?

Do, se mia opinio estas, ke la reunuigo ne nur estas ebla, sed necesega, morala devo, via dua demando, **kiel realigi tiun-ĉi taskon,** estas iom pli komplikita. **En teorio,** multaj eblecoj ekzistas, kaj neniu povas decidi, kia estos la plej bona. **En la praktika realigo** oni devas certe konsideri la pasintecon, **la nunan staton** de la movado, kaj la **personajn** malfacilaĵojn. **La unua kaj sola kondiĉo** laŭ mia opinio estas la tute **sincera deziro** al malegoista, oferema kunlaborado. La reciproka konfido kaj sincera volo ebligas ankaŭ la neeblon!

Plue dua kondiĉo estas laŭ mia opinio, ke oni ne detruu iun ekzistantan valoron aŭ puŝantan forton, sed ke oni respektu la **nunan vivon** kaj **specialan valoron** de ĉiu ekzistanta iniciato kaj tiamaniere kunordigu la disigitajn fortojn al unu granda harmonia forto. Ekzistas tri fortoj de nia movado : IKUE, IKA-Esperanto-sekcio, MOKA. Ĉiu havas valoran historion, forton, **specialan taskon.**

Pri **IKUE** mi ne volas diri multon. Fondite de la unuaj pioniroj de la katolika Esperantomovado, ĝi sukcesis admirinde, malgraŭ la milita kaj postmilita malfacila periodo. Ĝia nuna organo « Espero Katolika » certe havas specialan valoron kaj laŭ mia opinio ĝi povas esti evoluigata al impresa katolika revuo internacia. Ĉiu sincera Esperantisto katolika certe deziras, ke la fortoj kaj valoroj tie koncentritaj estu konservataj kaj evoluigataj al pli granda estonteco.

**IKA,** fondita en la **entuziasma postmilita periodo,** kiam la kristana konscienco estis terure emociata per la homara amasbuĉado kaj la videbla fiasko de la kristanaro (ne de la kristanismo!), certe sukcesis doni grandan iniciaton kaj novan admirindan instigon al la katolika Esperanto-movado. La plilarĝigata programo, kiu deklaris pli forte Esperanto kiel **ilon** de pli granda kaj pli larĝa idealo, la **unuigata internacia kunlaborado de la katolikaro,** certe altiris novajn tre valorajn fortojn al nia movado. Certe, kiel ĉiuj movadoj estiĝintaj en tiu entuziasma tempo, ankaŭ IKA ne sukcesis tute aŭ sufiĉe atingi la grandan **idealon.** La Esperanto-movado ne sukcesis (parte pro la interna disiĝo) trapenetri la tutan internacian vivon dum kelkaj jaroj. La rezulto estis, ke la Esperanto-sekcio evoluis pli kaj pli sendepende ; **« Katolika Mondo »,** kiu esprimis ĉi tiun evoluon, certe estas granda valoro, kaj mi deziregus, ke ĝi estu pligrandigata kaj pliriĉigata al **semajna** gazeto katolika.

**MOKA,** en tre intima kunlaborado kun IKA estas la plej necesa kaj plej valora fonto de la estonteco, kaj ni certe ĉiuj estas unuanime konvinkitaj, ke la junulmovado devas kreski kaj pligrandiĝi.

Do la natura evoluo estas jena :

**IKUE,** kiel la pionira movado unua, povus servi kiel komuna organiza korpo. Tio estas plifaciligata per la fakto, ke ĝi evoluis al pli larĝa kaj pli moderna programo, pli adaptata al postmilitaj kondiĉoj. Prave oni povus kritiki, ke la **organiza formo** ne estas ideala, tro komplikita, ne permesante al la vivaj fortoj plenan evoluon kaj liberan agadon. Certe tio povus esti plibonigata per saĝa kunlaborado.

**IKA** certe havas tre agademajn kunlaborantojn, tre larĝan modernan programon, estas intime kunligita kun la ĝenerala internacia movado.

Unuigo de la du movadoj en unu **modernigita** organiza formo sub komuna estraro certe estus ebla. Mi ne interesiĝas pri nomoj aŭ titoloj, sed por faciligi la diskutadon, mi provizore nomas ĝin « Katolika Unueco ». (K. U.). **Mia konkreta propono** do estas : IKUE kaj IKA (Esperanto-sekcio) unuiĝas al K. U.

K. U. estas **federacia** unuiĝo, konsistante el naciaj grupoj. Individuaj membroj el landoj, kie ne ekzistas nacia grupo.

Plej supera direktantaro estas la **konsilantaro internacia,** en kiu ĉiu nacia grupo havas unu delegiton (kaj anstataŭanton). Kelkaj membroj povas esti aldonataj per kooptado.

Fakaj organizaĵoj, kiel por junularo, gazetaro, instruistaro ktp. rajtas delegi reprezentanton.

La internacia konsilantaro kunvenas ĉiujare okaze de la komuna katolika Esperanto-kongreso.

Ĝi elektas la ekzekutivan komitaton : prezidanto, vicprezidanto, ĝenerala sekretario, kasisto kaj du « asistantoj ».

**MOKA** estas la junula sekcio, sendependa en ĝia organizo, sed en plej intima kunlaborado.

**K. M.** kaj **E. K.** estas la du katolikaj organoj. **Juna Batalanto** estas aldono al ambaŭ, t. e. oni povas aboni ĝin kun K. M. aŭ kun E. K. Por simpligi la abonpagon, ĉiu katolika Esperantisto povas aboni kaj pagi kune, t. e. ĉe K. M. li povas aboni kaj pagi E. K., ĉe E. K. li povas aboni K. M., la du jurnaloj estas interkonektataj per konto kuranta.

Speciala komitato estas ŝarĝata proponi la detalojn al la venonta (1929-a) komuna kongreso. Intertempe oni elektas provizore jenan ekzekutivan komitaton :

Prezidanto : nuna prezidanto de IKUE.
Vicprezidanto : membro de la prezidantaro de IKA.
Ĝenerala sekretario : nuna ĝenerala sekretario de IKUE.
Kasisto : membro de IKA.
Junulmovado : sekretario de MOKA.
Du asistantoj : Redaktoro de E. K.
Redaktoro de K. M.

Ĉi tiu propono ne ŝanĝas fakte la nunan situacion, permesus plenan evoluon al ĉiuj fortoj kaj tamen **preparus la realan, sinceran** kunlaboradon de la tutmonda Esperantistaro katolika. Mia deziro estas, ke la unueco realiĝu!

**Kaspar Mayr,** London.

# ESPERANTO... EN LA ĈIFONĈAMBRACON?

*de Fr. Johano Koppmann, O. M. I.*

La « Allgemeine Rundschau » en München publikigis la 19an de majo artikolon de la profesoro A. Baumann pri la temo. « La neceseco de komuna lingvo en Eŭropo kaj la solvo de tiu-ĉi problemo», kiu estas certe kontentiginta neniun konanton nian karan lingvon Esperanton, ĉar la verkinto neis ĝian uzeblecon kaj opiniis, ke ĝi devus esti forpuŝata en la «ĉifonĉambraĉon». Pro tio kelkaj vortoj pri la verketo supre nomita.

La profesoro menciis komence, ke estas senkondiĉe necesa la kreo de helplingvo ebliganta la rektan komprenon kaj interligon de nacioj. Precipa bezono estas la unuiĝo de la eŭropaj landoj, alikaze Ameriko estiĝus gvidanta en ĉiuj kulturproblemoj kaj Eŭropo forpuŝata en ĉiaj sciencaj fakoj kaj teknikaj. Sed tiun-ĉi unuiĝon malhelpegas la multlingveco; pro tio la unua bezono : pontlingvo por la 53 diversaj lingvoj eŭropaj.

Ĉis tie ĉiu leganto de K. M. konsentos kun la klarigoj de la verkinto, sendube! — escepte la aserto eble, ke la helplingvo ne devas trairi la limojn de Eŭropo, escepte ankaŭ, ke supre nomita ekonomia unuiĝo estas kaj estos laŭ nia opinio por la proksimaj jaroj utopio — sed tio ne estas nun « punctum saliens ». Tio do pri la utileco kaj neceseco de helplingvo, kiu jam depost multdek jaroj estas diskutita; eĉ tiu-ĉi problemo estas jam delonge solvita! Ĉu ne estas sensencaĵo, en jaro 1928 tion priparoli kiel novan kulturideon! (La supre citata aŭtoro ŝajnas ne scii, ke D-ro Zamenhof jam en jaro 1875 eldonis sian verkon pri helplingvo).

Sed nun ni volas vidi, kiamaniere la profesoro solvis la problemon! Tiu-ĉi solvo estis ja la kaŭzo por nia refuto. La nomita verketo estas pruvintaaŭ pli korekte-estas provinta pruvi, ke Esperanto ne estas uzebla kiel pontlingvo en Eŭropo, kaj tio pro kelkaj kaŭzoj! Ni volas nomi tekstojn litere : « Tiel nomataj mondlingvoj kiel Esperanto, kiu cetere laŭ la juĝo de ĉiuj lingvosciencistoj ne estas uzebla lingvo, ne havas ŝancon je aprobo; Esp. jam pro tio, ke ĝi estas uzata de Anglujo kaj Francujo makamike kontraŭ Germanujo. « — Tian aserton, tian nepruveblan aserton, ni diras, refuti, ni rigardas kiel superfluan klopodon; oni » portus strigojn al Ateno ». Ĉiu, kiu konas ankaŭ iomete Esperanton, ĝian movadon kaj evolucion, scias, kian valoron havas tiu-ĉi opinio de la profesoro!

La dua kaŭzo, kial Esp. — laŭ la verkinto — ne povas servi kiel pontlingvo, estas-oni miregula malfacileco kaj malfacilkomprenebleco de nia kara Esperanto. Jes, oni miregas fakte, ke tia eldiro de iu profesoro estas ebla! Oni ne povas kompreni! Sed la refuton de tiu-ĉi aserto ni volas, kvankam kun granda subigego, prokrasti ĝis la proksimaj linioj.

Post kiam la negativa parto estas finita, la profesoro venis al la klarigo de sia sistemo. En malmultaj vortoj dirite, la sistemo bazas sur sekvanta fundamento : la vortaro de la «estonta helplingvo» estas prenita el la germana lingvo kaj la gramatikon devas doni la angla, ĉar tiu havas purajn vokalojn kaj tiu-ĉi la plej simplan gramatikon el ĉiuj modernaj lingvoj. — La fakto, ke la angla havas la plej simplan gramatikon, ne estas novaĵo, tion scias ĉiu lernanto! Sed ankaŭ la angla gramatiko povas esti plisimpligata, kio en Esperanto jam plejbelmaniere estas farita-fakto, kiun A. Baumann certe en sia « 16jara vivlaboro » estas rimarkinta!

Koncernante la vortaron el la germana lingvo ni diras, ke ĝi estas uzeblega por helplingvo kaŭze de ĝiaj puraj vokaloj, sed kiel ni scias, ekzistas krom la germanoj ankoraŭ aliaj nacioj havantaj purajn vokalojn en riaj lingvoj, kiel okazas en romanaj lingvoj. Sed tion ni volas ne atenti. Ĉu iu opinias, ke helplingvo ĉe 53 nacioj trovos akcepton, se tiu-ĉi lingvo enhavas sole germanajn vortojn? Kaj ĉiu devas tion kompreni! Ĉar kun kia rajto postulas la germano, ke ĉiuj aliaj 52 nacioj- (tiom sole en Eŭropo, kaj oni devas alnombri ĉiujn lingvojn de la tuta mondo; ĉar helplingvo ne povas limigi sin je Eŭropo, helplingvo devas esti mondlingvo, alikaze ĝi ne atingis sian tutan celon!!) — ni demandas, kun kia jaro oni volas postuli, ke ĉiuj devas lerni germanajn vortojn, kial ĉiuj ceteraj lingvoj devas esti eligataj el la kunlaboro de l'konstruado de helplingvo? Ĉar helplingvo devas esti neŭtrala (komparu la belan vorton el la Himno Esperantista : « Sur neŭtrala lingva fundamento) », devas esti neutrala ankau en siaj vokabuloj, alikaze ĝi povos ricevi la ripproĉon, kiun la skribinto de supre citata artikolo faris al Esperanto!

Ni rigardas kiel senutilan aferon, ankoraŭ pli profunde pritrakti la « Oiropa, pitshn, de englishdoitshe gemeinsprache » kiel nomis la profesoro sian estontan utopian pontlingvon. Sed ni volas ankoraŭ unu vorton pri ĝi diri, ĉar oni faris la riproĉon al Esperanto, ke ĝi estas malfacillernebla kaj ne meritis estimon-aŭ alivorte-ke ĝi devas esti forŝovata en la ĉifonĉambraĉon; pro tio ni volas kompari. La « helplingvo de la estonteco » havas 25 regulojn — D-ro Zamenhof estas stariginta, kiel ni scias, nur 16 regulojn. Pri la vokabuloj ni ne devas paroli, ĉar la esperantista vortaro estas tiel simplo kaj spritege komponita, ĝiaj vortoj estas tiel belsonaj kaj facillerneblaj, ke oni povas diri, ke tia vortaro ne povas la duan fojon esti farata, ne povas plisimpliĝi.

Pri la gramatiko la aŭtoro ankoraŭ estas dirinta, ke ĝi enhavas sole tri tempformojn — kontraŭ tio ni sole petas bone pripensi, ke helplingvo ne devas esti taŭga sole por ordinaraj frazoj, sed ke ĝi devas anstataŭi plenege kaj senmanke ĉiun lingvonni petas pripensi, ke helplingvo ankaŭ devas esti klara, bela kaj belsona, do tri simplaj tempformoj ne estas sufiĉaj. — Sed nun fino!!

Ĉion kuntirante ni opinias senutila, ke unu viro dum 16 jaroj laboregas je problemo jam delonge solvita, depost 50 jaroj. Se la profesoro Baumann konus la esp. movadon, li venus plejcerte al la konvinko, ke Esperanto sendube estas uzebla lingvo.

Ke por tiu-ĉi « nova kulturideo », kiu laŭ la opinio de ĝia aŭtoro forpuŝos nian Esperanton, neniu eldonejo estas trovita, oni povas kompreni. (Baumann demandis 60 grandeldonejojn pri preso de sia verko-sed sensukcese). Miri oni povas nur pri tio, ke la « Allgemeine Rundschau », revuo, kiu kiel lumturo radii devus en la vagadojn de l'kulturvivo moderna, per la publikigo de tiu artikolo estas fariĝinta erarlumo trompanta la spiritojn!!

« Allgemeine Rundschau » (Universala Revuo) estas unu el la plej eminentaj kulturaj gazetoj katolikaj en Germanujo.

Noto de la Red.

# Letero el Norvegujo.

Oslo, 15/5.

Norvegujo estas apostola vikariejo kun 21 misiostacioj kun ĉirkaŭ 2500 katolikoj. El 35 patroj estas 4 norvegaj, kaj inter tiuj unu provikaro Monsignore O. Offerdal, 3 dominikanoj, 3 Kor - Jesuo-patroj (Pikpus), 2 Sanktaj Koroj - patroj, 3 franziskanoj kaj 2 maristpatroj sub unu apostola vikario. Lia episkopa moŝto O. Smith (holandano).

La ordenoj, kiuj agos en nia lando, estas jenaj : Viraj ordenoj : dominikanoj, franciskanoj, La Sanktaj-Koroj-Societo, Societo Korode Jesuo kaj maristsocieto.

Virinaj ordenoj estas : St. Elizabeto-fratinoj (la grizaj fratinoj de Breslaŭ), St. Francisko-Xaverio-fratinoj, St. Antonio-fratinoj, St. Karlo-Boromeo-fratinoj, Nia Sinjorino-fratinoj de Amersdorf (Holando) kaj St. Josefo-fratinoj (kongregracioj).

Ni havas en Oslo, la ĉefurbo, kelkajn unuiĝojn : interalie St. Josefo por viroj, St. Elizabeto por edziĝitaj virinoj, St Aloisio por junuloj kaj ankaŭ 1 knabinunuiĝo.

Niaj unuiĝoj floras kaj estas bone vizitataj. Ni havas ankaŭ St. Olafo-asocion kunmetatan de katolikaj unuiĝoj el la tuta lando por monsubteno de nia misio kaj por eldoni kaj disdoni katolikajn skribajojn por defendo kontraŭ atako de nia sankta kredo.

La katolika eklezio ĝuas en Norvegujo grandan liberecon, sed la societo de Jesuo estas malpermesata laŭ la norvega leĝo.

Ĉiam en la somero 29/7 (depost 1916) oni faras pilgrimadon al Stiklestad (en la mezo de la lando) al tiu loko, kie St. Olafo, la norvega nacisanktulo kaj reĝa apostolo, mortis la 28an de Julio 1030. Oni faras st. meson kaj iras procesic en la libera aero.

La registraro decidis, ke la tago de St. Olafo estu solene festata kun ĝenerala flagornamo.

Ankaŭ la « Korpuso-Kristo- » festo-procesio iras en libera aero.

Kelkaj kleruloj konvertis al nia eklezio en la lastaj jaroj. La vikariato aĉetis grundon por konstruo de nova preĝejo en la malnova parto de la urbo, proksime de placo de Ulvardo, kie en la mezepoko staris katedralo, kiu havas la saman nomon. Mankas ankoraŭ la mono por konstruado.

La katolika misio posedas ankaŭ unu semajnan ĵurnalon, kies nomo estas St. Olafo.

La misia laboro estas tre malfacila en la protestanta lando. Regas ĉie multe da eraroj kaj strangaj imaĝoj pri la katolika eklezio, sed tiurilate fariĝis pli bone ol antaŭe, kaj ni havas plej bonan esperon rilate la estontecon.

A. N. BJORNSTAD.

## MALLONGAJ SCIIGOJ

*P. Hyacinth Johannes OSB.*, el la sama ordeno, estas konsekrita pastro en Inkamana, Sudafriko.

*P. Pelegrinus Hoffman*, benediktena misiisto, revenis antaŭ kelkaj semajnoj el Venezuelo al Germanujo, Erzabtei St. Ottilien, Bayern.

*Al ciuj.* Oni neniam sendu manuskriptojn, leterojn ktp. al iu persona adreso de nia redaktaro, sed ĉiam nur al *Katolika Mondo, Kœln-* Lindenthal. Ankaŭ nia ĉefredaktoro, prof. d-ro Dieninghoff bedaŭre ne povas ĉiam mem respondi leterojn al li senditajn.

# Katolika Esperanto-Movado

**AŬSTRUJO.**

En *Klagenfurt*, kiel skribis al ni nia kara amiko d-ro *Hohenwarter*, la katolika gazeto « Kärntner Tagblatt » enhavas de tempo al tempo artikoletojn pri Esperanto. La monata revuo « Edelweiss », kiu en la sama presejo aperas, publikigas por katolikaj junuloj Esperanto-kurson. En seminario « Marianum » la decembre komencita kurso tre sukcesas. Uni nun legas la tre rekomendindan «Fabiola». Katolika Mondo kaj precipe La Juna Batalanto ĉiam ĝojege estas atendataj. Kiuj el eksterlandanaj katolikaj seminaristoj deziras korespondadi kun ni? Skribu al d-ro *Hohenwarter*, pastro en Klagenfurt, Marianum, Aŭstrujo.

**ĈEĤOSLOVAKUJO.**

*Ekspozicio pri S. Venceslao en Praha* en j. 1929 apartenos al plej gravaj punktoj de grandaj festaranĝoj entreprenotaj okaze al miljara detraveno de la morto de ĉeĥa nacia sanktulo L. Venceslao. La ekspozicio estas prezentonta ĉiujn memoraĵojn, iel havantajn rilatojn al S. Venceslao. Ĉar oni kostatis, ke ankaŭ en framdlando troviĝas multe de tiaj memoraĵoj, preĝejoj, pentraĵoj, statuoj, vazoj, libroj kaj simile, la subskribita komitato turnas sin al ĉiuj posedantoj de similaj memoraĵoj kun peto, ke ili bonvolu sendi al ĝi detalan priskrib nokaj fotografaĵon de tiuj ĉi memoraĵoj kun sciigo, ĉu ili estos pruntendoneblaj kaj sub kiuj kondiĉoj. Afablajn informojn dankeme akceptas, Komitato de S. Venceslao-festoj » en Praha III Jozefska 8.

*Propaganda broŝuro pri S. Venceslao* kiu samtempe enhavos la programon de ĉiuj festaranĝoj aperos aŭtune. Ĝi estos eldonita krom en aliaj lingvoj ankaŭ en esperanto.

Al ĉefaj festaranĝoj, okazontoj la 26-29 sept. 1929 estos invitataj eminentuloj el tuta kontinento. *Anoncita estas jam la partopreno de pola* kardinalo Dr Hlonda.

**GERMANUJO.**

*Breslaŭ.* — La 17an de junio la geinstruistoj f-ino Skarsetz, Waldenburg-Sandberg, f-ino Felscher, Schweidnitz, s-o Scholz, Waldenburg-Sandberg, s-o Monse, Waldenburg, kaj s-o Ottmann, Breslau, sukcesis bone en la ekzameno pri scienca pedagogia kapableco. Krom tio f-ino kaj 3 s-oj faris la ekzamenon pri kapableco.

# 227 MILIONOJ DA MAHOMETANOJ!

Laŭ la « Annuaire du Monde Musulman » (De Louis Massignon, Paris, Leroux) ni donas la statistikon pri la situacio de la Islamo en la jaro 1923. La unua kolono montras la tutan loĝantaron de la lando, la dua la nombro de la mahometanoj, la tria la procentan parton de la islama loĝantaro.

**Arabujo.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Arabujo | 4.000.000 | ĉiuj | 100 |

**Franca Norda Afriko.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Alĝerio | 5.802.464 | 4.971.424 | 82 |
| Tunizio | 2.095.000 | 1.891.280 | 93 |
| Maroko | 5.400.000 | 5.215.000 | 97 |

**Hispana Saharo.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Rio de Oro | 50.000 | ĉiuj | 100 |

**Egiptujo kaj egipta Sudano.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Egiptujo | 12.750.918 | 11.658.148 | 91 |
| Egipta Sudano | 5.852.000 | 2.800.000 | 48 |

**Libio.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Tripolitanio | 569.093 | 519.825 | 91 |
| Cirenajko | 225.000 | 222.000 | 99 |
| Emirlando de Snoussis | 20.000 | ĉiuj | 100 |

**Franca Okcidenta Afriko kaj enklavoj.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Maŭritanio | 261.000 | 254.000 | 99 |
| Senegalo | 1.225.000 | 915.000 | 75 |
| Franca Sudano | 2.474.589 | 1.061.000 | 42 |
| Franca Gvineo | 1.876.000 | 1.045.000 | 66 |
| Elefantosta Bordo | 1.546.000 | 100.000 | 10 |
| Dahomeo | 842.000 | 70.000 | 8 |
| Alta Volto | 2.973.000 | 444.000 | 15 |
| Nigerio | 1.084.000 | 881.000 | 81 |
| Brita Gambio | 146.000 | 70.000 | 50 |
| Portugala Gvineo | 215.000 | 40.000 | 20 |
| Sierra Leone | 1.403.560 | 450.000 | 30 |
| Liberio | 1.700.000 | 200.000 | 11 |
| Orbordo | 1.500.000 | 75.000 | 5 |
| Togo | 1.032.000 | 30.000 | 3 |

**Brita Nigerio.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Norda Nigerio | 9.000.000 | 5.880.000 | 64 |
| Suda Nigerio | 7.858.689 | 1.940.000 | 25 |

**Franca Ekvatora Afriko.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Meza Kongo | | 2.000 | |
| Ubangi-Sari | 686.644 | 25.000 | 4 |
| Tŝad | 1.271.371 | 920.000 | 72 |
| Kameruno | 2.100.000 | 500.000 | 25 |

**Aliaj Landoj de Afriko.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Belga Kongo | Malgrandega malplimulto. | | |
| Nyassa-Lando | 1.218.238 | 160.000 | 10 |
| Sudafrika Unuiĝo | 5.973.394 | 45.842 | 1 |
| Mozambiko | 3.120.000 | 60.000 | 2 |
| Madagaskaro | 3.545.575 | 669.200 | 18 |
| Réunion | 173.000 | 3.000 | 2 |
| Maŭricio | .377.000 | 40.000 | 11 |
| Zanzibaro | 199.462 | ĉiuj | 100 |
| Uganda | 3.318.271 | 600.000 | 20 |
| Tanganjika | 4.000.000 | 400.000 | 10 |
| Kenya | 2.500.000 | 1.000.000 | 40 |
| Itala Somalio | 350.000 | ĉiuj | 100 |
| Brita Somalio | 300.000 | ĉiuj | 100 |
| Djibouti | 210.000 | ĉiuj | 100 |
| Eritreo | 406.000 | 225.000 | 56 |
| Abisenio | 8.000.000 | 3.000.000 | 37 |

**Eŭropo.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Albanujo | 831.877 | 584.675 | 71 |
| Jugoslavujo | 12.017.323 | 1.337.687 | 12 |
| Bulgarujo | 4.909.760 | 750.000 | 15 |
| Trakujo (Grekujo) | 350.000 | 180.000 | 50 |
| Cipro | 310.709 | 61.422 | 20 |
| Rumanujo | 17.000.000 | 44.087 | 0.25 |
| Polujo | 28.000.000 | 6.000 | 0.06 |

**U. S. S. R. (Sovet-Rusujo).**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Rusujo, Siberio ktp. | | 285.000 | |
| Rusaj Sovetaj Respublikoj. | | | |
| Krim-Lando | 761.000 | 400.000 | 54 |
| Kazanj | 2.852.135 | 1.741.291 | 65 |
| Baŝkirujo | 1.249.539 | 837.442 | 67 |
| Ciskaŭkazio | 1.606.601 | 1.500.000 | 93 |
| Kirgizujo | 5.155.513 | 3.760.000 | 73 |
| Turkestano | 7.201.551 | 6.500.000 | 93 |
| N. S. R. (Naciaj Sovetaj Respublikoj). | | | |
| Buĥara | 1.500.000 | iuĉj | 100 |
| Kharezm | 519.438 | ĉiuj | 100 |
| Suda Mongolujo | 645.000 | 20.000 | 3 |
| F. T. S. R. (Federacio Transkaŭkazia de la Sovetaj Respublikoj). | | | |
| Armenujo | 1.214.391 | 800.000 | 72 |
| Georgio | 2.372.403 | 350.000 | 14 |
| Azerbajĝano | 2.096.973 | 1.400.000 | 77 |

**Ĥinujo.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĥinujo | 314.000.000 | 6.125.000 | 2 |
| Manĝurio | 10.740.000 | 200.000 | 4 |

# LA SENNOMULO

*Legendo de Ernst Görlich (Wien).*

(El germana orignalo tradukita de l'aŭtoro)

Neniu konis la malgrandulon, kiu migradis tra la « Subura ». Li estis orfana bubo. Nur li havis la lumbodrapon, por sin vesti. Aliajn aĵojn li ne havis sur la tuta mondo.

Malsato kaj soifo torturis lin. Li batalis kun la hundoj je ĉiu osto, kiun tiuj bestioj ricevis. El malbonodorantaj kloakoj li trinkis. Nokte li dormis en la plej bojkotemaj anguloj de la grandurbo. Kelkfoje li almozpetis patricion pretervenantan en plej multekosta sedilo. Batoj kup la skurĝo estis respondo. Plorante la knabo forkuris kaj eksidis sur la ŝtupoj de templo. Ĝis oni lin forpelis ree. Tiam li plendis :

« Ĉu la Dioj estas nur por riĉuloj? » Sed oni ridis je li.

La infanojn eĉ, kiuj en la sklavbazaro vendiĝis, la knabo enviis. Sed la vendistoj lin ankaŭ forpelis, se li alvenis. Kaj li migradis tra la urbo kaj serĉis...

Kaj serĉis homojn, kiuj sin zorgus je li, homojn, por kiuj li ne estis hundo, sed mizera frato.

Nokto alvenis en Romon de la imperiestroj. En la ĝardenoj de Agripa festenis la Cezaro kaj la kunuloj de liaj ĝojoj. Ili ne ekvidis la mizeraĵon, kiu rigardis tra la rigidaj serioj de la pretorianoj kun malsataj okuloj en la mondon de inklinoj.

La malgranda orfanbubo ĉirkaŭglitis ĉe la ĝardenoj longtempe ĝis lin forpelis centurio. Tri tagojn li manĝis nenion. Elĉerpate li eksidis ĉe la strato. Liaj lacaj piedetoj lin ne forgvidis. Senein teresante li kaŝis la kapon en la manojn. Tiam liu forlasis la konscieco.

Li ne ekvidis la aron de viroj, kiuj alvenis malrapide el la pordoj de la urbo. Blankbarba maljunulo kun brilantaj infanokuloj gvidis la homojn.

Nun ili preteriris ĉe infano. Tie haltis maljunulo kaj silente li montris knabon. Liaj okuloj ekvidis amantaj la forlasan malgrandulon. Kaj li faris signon al kunulo. Ĉi tiu genuis ĉe la bubo kaj ekprenis la krispan kapeton infanan en sia sino.

«Senkoncienco, patro!» Kaj la maljunulo prenis la trinkilon, kiun li portis ĉe lia zono, kaj ĝi tremis en la preterfluantan rivereton.

La orfanbubo ekvekiĝis. Li ĉirkaŭvidis. Lia unua rigardo ekvidis maljunulon, kiu al li mem donis la akvon. Karesante li ĉirkaŭbrakis la maljunulon kaj li murmuris :

« Mi vin tre amas! »

Kaj la fremdulo lin ne forpelis, sed li karesis kun hando la harojn de knabo dirante : « La beno de Sinjoro estu kun vi! »

La okuloj de malgrandulo ekvidis mirataj al bonfaranto : « Kiu vi estas, sinjoro? »

« Mi estas Petro, la servisto de Dio tutpotenca». Solene la lipoj de maljumulo parolis la vorton.

Tie infano atendis liajn brakojn kaj li kriis kun voko tremanta :

« Min ne forlasu, sinjoro! Alimaniere mi devas morti! Tri tagojn mi manĝis nenion. Vi estas unua, kiu sin zorgis je mi! »

Ridante Petro jesis : « Nia krdeo estas amo! Ni vivas por helpi al fratoj. Ne zorgu vi, malgrandulo! Ni protektos vin! »

La knabo ne kredis al liaj oreloj : « Vi min protektos? Kaj Vi min ne konas! »

Serioze respondis Petro : Tiel parolas Sinjoro : Vi lasu veni malgrandulojn al mi kaj ne malhelpu Vi ilin, ĉar ĉi tiuj havos la regnon de ĉieloj! »

Tremante la orfanbubo genuis al la piedoj de l'apostolo :

« Tiam ankaŭ mi adoros ĉi tiun Dion de amo, sinjoro... »

En la Cirkus Makzimus brulas la leonoj.

Altstarante maljuna Petro parolis la vortojn profetajn :

« Brulu vi, leonoj, brulu vi nur! Ni venos! Sed el la sango de la martiroj ekkreskos la regno de amo! »

**Notoj :**

Subura... bojkotema regiono en antikva Romo.
Patricio... nobela urbano Romana.
Cezaro... tiel oni nomis la imperiestron de Romo.
Pretorianoj... la gardo imperiestra.
Centurio... ĉefo de soldataro.
Cirkus Maximus... la plej granda cirko en Romo.

(El la libro « La Juna aro de Dio » Legendoj de Ernsst Görlich. Wien 1926.)

**Malajaj Landoj.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Nederlanda Hindujo | 49.350.834 | 43.000.000 | 86 |
| Britaj posedaĵoj malajaj | 4.163.740 | 2.025.000 | 48 |
| Siamo | 9.221.000 | 300.000 | 3 |
| Franca Hindoĥinujo | 19.747.431 | 210.000 | 2 |
| Filipinoj | 10.314.310 | 374.468 | 4 |

**Hindujo.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Brita Hindujo | 316.128.721 | 68.735.233 | 21 |
| Baluĉistano | 420.688 | 367.282 | 86 |
| Bengalujo | 46.695.356 | 25.210.902 | 54 |
| Kaŝmir | 3.320.518 | 2.048.514 | 76 |
| Nord-Okcidenta Limo | 2.251.340 | 2.062.786 | 90 |
| Punĝab | 20.685.024 | 11.444.321 | 55 |

(Ĉi tiuj kvin ŝtatoj estas la solaj, kiuj havas mahometanan plimulton. Ni donis la ciferojn kiel ekzemploj).

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ceylon | 4.686.383 | 308.694 | 7 |
| Maldivaj Insuloj | 70.199 | ĉiuj | 100 |
| Franca Hindujo | 265.388 | 15.000 | 5 |
| Portugala Hindujo | 604.930 | 60.000 | 10 |

**Afganistano — Persujo.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Afganistano | 6.380.500 | ĉiuj | 100 |
| Persujo | 9.322.000 | 8.330.000 | 89 |

**Iama Otomana Imperio.**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Turka Respubliko | 12.540.000 | 10.443.000 | 83 |
| Mesopotamio | 2.849.282 | 2.640.700 | 96 |
| Sirio kaj Libanono | 2.579.782 | 1.939.511 | 70 |
| Palestino | 757.682 | 590.890 | 78 |

**Sumo de la mahometanoj en la tuta mondo :**

| | |
|---|---|
| Arabujo | 3.394.000 |
| Norda Afriko | 11.000.000 |
| Alia Afriko | 37.390.000 |
| Balkana Eŭropo | 3.200.000 |
| Azio | 171.936.000 |
| Oceanio | 7.500 |
| Ameriko | 140.000 |
| Okcidenta Eŭropo | 40.000 |

Sumo 227.107.500 mahometanoj en la tuta mondo!

# HEINRICH FEDERER, LA RAKONTANTO

*(Fino)*

Post la dirito oni ne miros, ke la rakontoj de Federer montros lin kiel bonegan « pejzaĝiston ». Sed oni ne atendu de li iun el tiuj skizoj, kiujn pli malbonaj artistoj ŝatas alŝovi al la rakonto kiel specialajn pompaĵojn! En la rakontoj de Federer la naturo laŭ fizika kaj psika vidpunkto estas la tero, sur kiu la figuroj paŝas fortike (ankaŭ en najlobotoj) kaj povas libere moviĝi, ne puŝigante ĉe efektoplene pentritaj kulisaĵoj. Estas gajiga atmosfero kaj libera lumo en la pejzaĝo de Federer, kaj same bone en ĝi fartas hela svisa jubilo kaj brava ridado. Grandurban aeron oni ne trovas; la mondo de nuraj cerboj, en kiu tro ofte la « problemo » sufokas la naturan kreskadon de la vivo, en la rakontoj de Federer estas intence evitata, kiel entute la saĝeco ĉe Federer estas kreskaĵo, kiu solece en naturproksima simpleco prosperas multe pli bone ol en la ĉambroj, kie oni en ŝrankoj konservas ĝian ludokumenton. La ermita papo Coelestinus frostas en la brilego de Romo, kaj en la marmorsalonoj li sopirkrias la eluzitan monaĥokostumon, la roko- kaj kverkosolecaĵon de la Abruzzo-montoj! 3) Ne vane Federer mem unue venis al la literatura publiko per Franciska rakonto kaj baptis unu el siaj poezio- kaj pensoriĉaj vojaĝolibretoj « En la poezia ĉambro de Francisko » (« In Franzens Poetenstube ») 4) Kaj alia heroo laŭ la koro de Sankta Francisko de Assisi, la potenca frato Nikolaus von der Flüe, en dezerta Melcha-valo fariĝas savanto de la lando; el sia ermitejo li montras al la nobelaj potenculoj de Luzern kaj al la kamparanaj potenculoj de Obwalden ilian fiereco- kaj egoismodiablon samspecan sub silkovesto kaj linkitelo kaj en la tagoj de malkonkorda mizero sendas al la interbatalantaj « klasoj » la sanktan evangelion de la libereco per fratamo! Ĉu do al Federer tia voko nur estas homa eĥo al la eterna vokado de Dio, kiu en la bruo kaj malklara moviĝado de la teraj aferoj volas unuigi la vivbatalantojn kaj post la armistico de la morto volas hejmenkonduki ilin en la sole perfektan eternan demokration? « Fratoj estas vi ĉiuj, fratoj kun la papo kaj la reĝoj», predikas la fajroanima, de Federer belege skizita Bernardino da Siena. « La Sinjoro egaligos vin en sia tago. Mano en manon, vi iros, kaj videble efektiviĝos la evangelio, kiam oni diros frato unu al la alia, frato fiŝkaptisto kaj frato imperiestro, frato vendisto kaj frato episkopo, vi ĉiuj same nemortontaj fratoj de Kristo! »

Tiel la figuroj de Federer neniam, ankaŭ ne en la « soleco de la animo », forgesas la homfraton, kiu meze en la bruado de la mondo, kie tro proksima agado facile malhelpas la rigardon en la homecon, devas serĉi sian nemorteman vojon. Ho jes, la homo!, la pleniĝita ie malhela peliteco, la eraranta, faletanta kaj tamen eterne sopiranta pilgrimulo de Dio, emociige vokas el la vere altruista kreado de Federer. La ermito kaj soleca genio de Federer nur foriris malproksimen, por, neinfluate de tera avideco, povi esti helpema : «En la ĝardeno Bernardino da Siena komencis babili kun la papilioj, sed eĉ pli volonte — ĉar ili estas aristokratoj — kun la skarabetoj, araneoj kaj formikoj. Li alparolis hundojn kaj katojn kaj ĉevalojn. Sed kiam ie aperis homo, tiam li lasis kuŝi ĉion alian. Jen la homo, la nemortema homo! Tio estis al li la nesuperebla. Por unu homo, tute malgranda, tute ordinara, li estus fordoninta ĉiujn montojn kaj kaskadojn, ĉiujn statuojn de Grekujo kaj ĉiujn marmorfontojn de Romo ».

Tiu plej alta homamo, tiu kulturo de la nemortema animo, antaŭ kiu paliĝas la brilo de la civilizoj, ankaŭ la fraton Nikolaus von der Flüe el lia Diofeliĉa solecaĵo denove kondukis sur la voĉobruantan scenejon de politikaj sortoj. Kaj kiel li, Federer ĉiam denove el la poeta angulo elpaŝis al forta rigardado de la epoka evoluo kaj administris la juĝistan oficon de la poeto. Ankaŭ tie li montras la saman vastrigardan komprenemon defendantan en aliaj la propran malfalsan sentadon. El historia kono enfluas en la riĉan animokonon de la poeto multe da vizioj, kiujn li kunligas al neordinare unueca vivrigardo. Lia patriota sento estas la fideleco al la hereditaj karaktero, rajtigita per homa animonobleco — ĉie, kie homoj honoras sian lulilon. « Patria! » 5) li surskribis unu el siaj plej belaj rakontoj kaj en ĝi kun sentebla emocio gloris la neniam mortantan batalon por la libereco de radikoforta konfeso.

En tiuj historiaj kaj legendaj rakontoj Federer serĉas sian propran, eble al li eĉ ne konscian, vojon. Elirante de la poeta konvinko, ke nur la falso kaj malbono estas putrema, sed ke la malfalso kaj bono (en la plej vasta senco) en la homeco ne formortas, la historio estas al li ĉiam atesto de la evoluado. Sub la artista okulo de Federer la historio naskas vivantajn historiojn; ĝi suprenkreskas al ni el la benitaj profundaĵoj de la estinteco; ĝi turniĝas tra la ŝanĝo de la tempoj ĉiam denove en ĝermantan printempon, tra la maljuniĝado ĉiam denove junecon. En la rakontoj de Federer la tombopolvo defalas de la historio, kaj malnovaj faroj de la homoj leviĝas. Prapatroj staras antaŭ ni, en forto kai suko aŭ brilanta junbeleco nin hontigante. Ĉar el la historio, el tiu apudesto de mortado kaj naskiĝado, Federer levas la ĝermantan, la estiĝantan al la lumo de sia arto, kaj ne estas hazardo, ke ĉe Federer la juneco estas ĉiam nova konfirmo de la boneco. En tio Federer ja neniam metas la avertantan fingron de la pedagogo sur tion, kio lin ĝojigas; sed la kunsentanta leganto jam per la nura kunirado kun la rakonto estas admonata, kulturi la junan forton de la bono en ni, por ke *nia* historio aperu epoko de la naskiĝado kaj ne tempo de superanta putriĝado.

La klara kaj forta koncepto de Federer pri la vivo kaj viveco estas la bazo de la humoro aparta al li. Ĉi tio estas gajeco de la kompreno aŭ bonvola ŝercemo de la rigardo, ankaŭ konscieco de forto brave postulanta al luktado la nesufiĉaĵojn kaj diablaĵojn en la homa ekzisto. Sen batalo nenio estas ebla ĉe Federer. Obstine-sovaĝa ridado estas pli kara al li ol kompatinda, plorplendado, kaj fulmantajn okulojn li preferas al emociitaj; mallonge : vira arto ne konanta sentimentalecon kaj senhezite esprimanta sian propran karakteron; konfesanta arto ne reteniĝema. Surtera sankteco ne estas naskodonaco, kaj virto ne estas ripozkuseno — ĉiam denove batalu por ĝi! « Provu denove! » la frato Klaus krias al la diablo, kiam tiu mallumulo antaŭ la alpanaj manoj de la atakita ermito volas retiriĝi en la arbetodensaĵon. Kaj similan sintenon la poeto postulas de siaj favoritaj figuroj, kies karaktero plej ofte nur en plej akra elprovado oropure solviĝas de la malpuraĵoj. La tragiko de Federer estas klara kaj forta : nesentimentala, ĉar venkema. La bonhumoro de Federer estas kuraĝa kaj liberiganta kaj tute forgesas, ke la literatura tradicio postulas de li « larmon en la okulo ». Melankolio estas al Federer malsaneta homeco! Li flirtigas la standardon de la kuraĝulo ankaŭ en la uragano. Kaj tiel ni komprenas el la animo de Federer la ĝojan martiron Tarcizion 6) la en grandioza gajeco lumantan marmorfrunton de la genia Innocentius en «la lasta horeto de la papo » (« Das letzte Stündelein des Papstes ») kaj ankaŭ la miran mortosciigon pri la ekzekuto de la irlanda liberecoheroo Robert Emmet en « Patria » : « Mi portas al vi lian lasan rideton... »

Ja se la bruado kaj faraĉado de la grandaj tro multe perdigas la rigardon al la estiĝinta mondo, Federer ŝatas turniĝi al la junularo kaj de ĝia elasta forto atendas la estontecon, kiun tiuj maljunuloj malhelpas. Tie okaze povas ŝajni simila al forkuro de la estanteco; sed oni pripensu, ke unuavice ne la samepokano, sed la homo, estas objekto de la poeto — kaj apenaŭ povas esti nomate kulpo de la poeto, ke tiu serĉante homece valorajn objektojn trovas la samepokanon netaŭga kiel materio. Ĝuste tiurilate la pura poeto estas pli instinkta juĝisto de sia epoko ol oni ĝenerale supozas. Cetere tiu kelkfoja deturniĝo de la rakontanto Federer ne estas romantika forkuro. Se li en la historio de nia tempo serĉas estintan junecon, li en la junularo de nia tempo trovas estontan virecon. Por Federer ja ĉiam valoras la formarŝo de nedifektita forto en leviĝantan vivon. Juneco al li estas antaŭ ĉio homecomotivo kaj ne peranto por iu amoromanoj. Vidu la poeton! Li estas multe tro delikata por alkuri obstinajn grizharajn malsaĝulojn, kaj tial li vivigas antaŭ niaj okuloj la belecon de la juna koro preparigânta al ĉiama pura mondalmilitado. Tiel mi komprenas la junularamikon en Federer, kiu kiel malmultaj aliaj donis al ni aron da belegaj, interne kaj eĉ ekstere unu al la alia parencaj junulfiguroj, kaj mi scias, ke ni per tio ne estas malproksimaj de lia poeta Credo : defendi la regnon de pura kaj bela homeco kontraŭ la malvarma mondsaĝeco de la senidealigitoj.

1) **Der Fürchtemacher. Eine Geschichte aus der Urschweiz.**

2) **Das Wunder in Holzschuhen. Geschichten aus der Urschweiz.**

3) **Gebt mir meine Wildnis wieder! Umbrische Reisekapitel.**

4) **In Franzens Poetenstube. Umbrische Reisekapitel.**

5) **Patria! Eine Erzählung aus der irischen Heldenzeit.**

6) **Eine Nacht in den Abruzzen. Mein Tarzisius-Geschichtlein.**

**Kartonite po 1.-RM; bind. 1.20 RM., haveblaj ĉe K. M Oni aldonu 10 % por sendkostoj.**



